# Germana Esperantisto

## Der Deutsche Esperantist

Oficiala Organo de
Germana Esperanto-Asocio (G. E. A.)
kaj de aliaj esperantistaj unuiĝoj



Offizielles Organ des
Deutschen Esperanto-Bundes E. V.
und anderer Esperantisten-Vereinigungen

**Prezo:**
por jaro Sm. 1,500 :: Provabono por 6 monatoj Sm. 0,750
**Anoncoj:**
Vidu tarifon en la anonca parto.

**Preis:**
pro Jahr M. 3,— :: 6 monatl. Probeabonnement M. 1,50
**Anzeigen:**
Siehe Tarif im Anzeigenteil.

8ª Jaro. No. 11. || Redaktion und Administration: Berlin SW., Lindenstr. 18/19 || Novembro 1911


## Iom pli da respondeca sento!

Estas konata fakto, ke gravaj entreprenoj aŭ grandaj movadoj ofte estas prijuĝataj laŭ la faroj de kelkaj personoj, apartenantaj al ili. Plej ofte tio okazas, kiam la granda publiko aŭ ne estas sufiĉe informita pri la celoj de la koncernaj organizaĵoj, aŭ kiam ĝi, pro iu kaŭzo, havas antaŭjuĝon kontraŭ ili. Precipe en la laste citita okazo oni preferе atentas la neprudentajn aŭ eĉ malbonajn agojn de kelkaj anoj de la neŝatata entrepreno kaj provas kredigi laŭ tio, ke la tuta afero estas sentaŭga aŭ senvalora, kaj ke ĝi ne meritas seriozan konsideron.

Ĉu tio estas justa? Ĉu oni povas kaj devas prijuĝi organizaĵon laŭ la eble kondamnindaj agoj de kelkaj aliĝintoj? Nur en unu okazo: kiam la organizaĵo videble estas kreita por malbonaj celoj, aŭ kiam la direktado mem donas malbonajn ekzemplojn kaj per tio instigas la anojn al riproĉeblaj faroj. En ĉiuj aliaj okazoj la malfavora opinio de la publiko ne estas pravigita, kaj pli bone estus, se oni, antaŭ ol formi rapidan juĝon pri kiu ajn entrepreno, bone informiĝu pri ĝi.

Al la organizaĵoj, kiuj de multaj personoj estas prijuĝataj laŭ tute malĝustaj vidpunktoj, apartenas ankaŭ nia esperanta afero. Kaj malkaŝe mi diras, ke bedaŭrinde la esperantistoj mem sufiĉe ofte donas okazon por malfavoraj kritikoj pri niaj movado kaj celado. Sed antaŭ ol paroli pri tio, mi volas atentigi pri kelkaj konsiderindaj punktoj.

Nia movado estas universala. Ĝi ne plu estas, kiel en la unuaj jaroj de sia ekzistado, afero de malmultaj amikoj, kiuj bone interkonsentis pri la sola celo: disvastigi nian lingvon. Tiun staton ni jam delonge forlasis. Pli kaj pli kreskis kaj konstante kreskas nia movado, kaj en ĉiuj societaj rondoj Esperanto enradikiĝis. Krom la disvastigo, la esperantistoj nun pli kaj pli celas la praktikan uzadon de sia lingvo kaj utiligas Esperanton por siaj specialaj celoj.

El tio rezultas, ke, pro la malsimileco de la homaj karakteroj kaj pro la diverseco de la personaj interesoj, ne ĉiuj esperantistoj, kiuj ja ankaŭ nur estas homoj, povas havi akordajn opiniojn. Plue ni bone scias, ke inter nia granda anaro ĉiam estas nekontentuloj, kiuj havas siajn proprajn ideojn, kaj kiuj nur nevolonte sekvas la vojon, trovitan bona de la plimulto. Kaj fine ni konfesu, ke, same kiel en kiu ajn alia organizaĵo, ankaŭ inter ni ekzistas anoj, kiuj pro personaj diferencoj intermalamikiĝis kaj pro tio sin forte kontraŭbatalas.

Ĉio ĉi tio iomete malhelpas la rapidan progreson de nia afero, ĉar la riproĉeblaj faroj, kiuj naskiĝas el la ĵus montritaj cirkonstancoj, de la neinformita publiko estas skribataj en la konton de la granda, boncela movado esperantista.

Kompreneble, kiu respondigas la tutan esperantan organizaĵon pro la neŝateblaj agoj de kelkaj anoj, estas same malprudenta kiel tiu, kiu asertus, ke la tuta homaro estas sentaŭga, malnobla societo, ĉar inter ĝi troviĝas multaj krimuloj kaj malbonfarantoj! Tamen neniam estos eble ekstermi tiajn tute malĝustajn opiniojn; sed eble estas, ke ni esperantistoj klopodu, kiel eble plej zorge eviti la agojn, kiuj povas doni okazon por malfavora kritiko aŭ eĉ por kontraŭbatalo al nia movado. Ĉiu el ni sentu la respondecon, kiun li havas, rilate al nia komuna afero, kontraŭ la granda publiko, kaj li ne forgesu, ke liaj faroj estas la mezurilo, laŭ kiu oni ĝenerale taksas nian organizaĵon.

Bedaŭrinde tio ne ĉiam estas konsiderata, kaj precipe estas du okazintaĵoj de la lasta tempo, kiujn ni povas rigardi kiel sufiĉe atentindajn malhelpaĵojn por nia movado. Mi celas la aferon de la rusa kapitano Postnikov kaj la malkonsenton inter la bohemaj esperantistoj.

Unue la afero Postnikov. La militjuĝa pro-

ceso al li farita pruvis, ke Postnikov estas malnoblulo, kiu perfidis sian patrujon. Li estas kondamnita kaj por longa tempo forigita el la homa societo. Ni do ne denove kondamnu lin. Bedaŭrinde ja estas, ke li uzis nian lingvon por siaj perfidaj celoj, kaj ke li ŝajnigis sin fervora esperantisto, por pli bone povi aranĝi siajn perfidaĵojn. Tuj post la malkaŝigo de liaj krimoj sin trovis kelkaj gazetoj, kiuj pro tio kondamnis Esperanton kaj diris: „Jen ni havas ekzemplon, por kiaj celoj tiu ridinda lingvo estas uzata; tial ni forte kontraŭbatalu ĝin kaj zorgu, ke ĝi ne plu disvastiĝu.“ Ni ne tro serioze konsideru tiajn eldirojn. Ili estas faritaj de gazetoj, kiuj ekspluatas ĉiun okazon por bari al ni la antaŭeniron. Estas sufiĉe da aliaj ĵurnaloj, kiuj ne same krias, sed bone komprenas, ke al neniu oni povas malpermesi la uzadon de Esperanto. Ili ankaŭ scias, ke nia lingvo ĝenerale faras la plej bonajn servojn, kaj ili konsentas kun ni, ke la afero Postnikov estas escepto, pri kiu oni ne povas respondigi la esperantistaron. Cetere *„Ondo de Esperanto“* en sia lasta kajero (9/10) aperigis longan artikolon, en kiu la aŭtoro detale klarigas la interrilatojn de Postnikov kun la rusa esperantistaro. Laŭ tio niaj rusaj samideanoj grandparte ne konsentis pri la laboroj de Postnikov sur la esperanta kampo, kaj al la fondita de li Ruslanda Ligo nur aliĝis tre malmultaj grupoj. Sed kvankam sendube la krimo de tiu regnoperfidulo trafis la esperantistaron, speciale la rusan, kiel vipobato, ni tamen povas trankviliĝi pri la malagrabla afero. La krimulo estas mortinta por ni, kaj ni montru al la mondo, ke Esperanto havas pli bonajn kaj altajn celojn.

Pli malutila kaj pli danĝera por ni, ol la antaŭe priparolita afero, estas la batalo inter la bohemaj esperantistoj, okaze de la intencita, sed ne efektivigita Tutaŭstria Esperanto-Konferenco en la pasinta Septembro. Jen afero, kiu meritas nian plenan atenton kaj necesigas trovi rimedojn, kiuj por la estonteco malebligas tiajn treege bedaŭrindajn okazaĵojn. Tiaj aferoj efektive senkreditigas la esperantan organizaĵon kaj malhelpas nian movadon. Kun vera malbonĝojo la malfavoraj al ni gazetoj raportis pri la malsukcesa kunveno en Prag, kaj kelkaj eĉ ne ŝanceliĝis publikigi neĝustajn raportojn. Ekzemple *„Deutsche Tageszeitung“*, Berlin (9. 9.) aperigis „privatan telegramon“ el Prag, sciigantan la jenon:

„Hodiaŭ devis okazi tie ĉi la esperantista kongreso, sed jam antaŭ ĝia malfermo okazis grandaj disputoj inter la germanoj kaj bohemoj, ĉar la laste nomitaj denove postulis preferan nacian pritrakton de siaj deziroj. Ekestis grandaj tumultaj scenoj, tie kaj tie formis sin interbatantaj grupoj, tiel ke oni jam ne malfermis la esperantistan kongreson. Ke ankaŭ la anoj de „ĉiumondlingvaĉo“ malsukcesas pro la nacieca demando, tio estas la humoro en la afero.“

Tiu ĉi sciigo estas malĝusta. Laŭ mia informiĝo kaj laŭ la raportoj en la organoj de la du asocioj bohemaj, la disputoj ne okazis inter la germanoj kaj bohemoj, sed sole inter la anoj de la du bohemaj asocioj, kiuj jam de longe estas „malamikaj fratoj“. La germanoj, pro certaj kaŭzoj, oficiale ne partoprenis la kunvenon; el ili ĉeestis laŭdire nur unu reprezentanto de la germanaŭstria ligo kaj unu gasto el Germanujo.

Mi tie ĉi ne volas esplori, kiu estas kulpa pri la malkonsento inter la bohemaj samideanoj, mi nur volas konstati la treege bedaŭrindan fakton, ke du asocioj samnaciaj, kiuj pretekstas havi la samajn celojn, interbatalas verŝajne nur pro persona ambicio de kelkaj personaj. Oni eĉ diras, ke tiu ĉi interbatalo verŝajne sekvigis la subitan morton de nia neforgesebla pioniro Prof. Lederer, kiun trafis la apopleksio post partopreno en ekscitanta kunsido por preparo de la konferenco! Se tio estas vero, la bohemaj esperantistoj ŝarĝis sin per kulpo, kiu neniam estas pardonebla. Sed espereble tiu diro nur estas nepruvita famo.

Kiel mi jam diris, tiaj malagrablaj aferoj subfosas la firman konstruaĵon de la esperanta afero kaj ŝajnigas ĝin neserioza kaj nerekomendinda en la okuloj de la laika publiko. Nepra devo de la esperantistoj estas, per siaj konduto kaj sintenado eviti ĉion, kio povas malhelpe influi nian movadon. Tio estas bone atingebla, se ĉiu samideano klopodas submeti la personajn interesojn al la komunaj, kaj se ĉiu el nia anaro por si mem iom pli sentas la respondecon pri nia tuta afero. Ĉiu estu singardema en faroj koncernantaj Esperanton, kaj li agu nur, kiam li estas certa, ke la plimulto el la samideanoj aprobos sian faron. Sed ĉiu ankaŭ atentu la agojn de aliaj samideanoj; kaj se li trovas ilin riproĉindaj, li klopodu per persona influo konvinki la alian pri la danĝereco de lia faro por la komuna afero. Ofte tio certe ne estas facila, sed tamen oni provu ĝin. Kaj se ĉiu obeas la ĵus diritajn konsilojn, nia afero baldaŭ ne plu estos la celo de malfavoraj kritikoj pri la konduto de nia anaro. Ĝi kreskos kaj progresos laŭ la forta deziro de nia kara Majstro, kiu donis sian elpensaĵon al „pacaj batalantoj“!

* * *

La antaŭaj linioj estas ankaŭ speciale valoraj por la ĵurnalistoj esperantistaj. Kompreneble mi ne celas, ke oni forigu el la kolonoj de nia gazetaro ĉian kritikon pri esperantaj aferoj. Sed oni bone atentu, ke la kritikoj ne atingu tian gradon, kiu povas esti danĝera por ni. Ni estas ĉirkaŭataj de malamikoj, kiuj kun argusaj okuloj observas nin. Ili ofte uzas eĉ la plej malgravan, ofte nepripense faritan disputon en niaj gazetoj, por fanfarone kaj trograndigante aserti ĉion mal-

bonan pri la esperantistoj kaj ilia laboro. Do, kolegoj esperantistaj, estu singardemaj kaj pripensu antaŭ la publikigo, ĉu viaj kritikoj pri okazaĵoj en Esperantujo kaj atakoj al aliaj samideanoj estas justaj kaj vere necesaj. Se tio estas, trankvile publikigu ilin, ĉar vi tiam certe trovos la konsenton de la plimulto el la esperantistaro.

Mi volas uzi la okazon, por tie ĉi eldiri kritikon, pri kiu mi estas certa, ke ĝi trovos eĥon precipe en la vicoj de niaj germanaj samideanoj. Ĝi estas direktata al miaj Magdeburg'aj kolegoj, la ĉef- kaj kunredaktoro de „Germana Esperanto-Gazeto."

En n-ro 38 de la nomita gazeto S-ro Hoen, la kunredaktoro, publikigis pri la Antwerpen'a kongreso raporton, kiu en kelkaj punktoj ne estas ĝusta. La raportinto priparolas la oficialajn kunsidojn de la kongreso sole laŭ sia vidpunkto, kiu tute ne estas konforma al la okazintaĵoj mem kaj al la opinioj de preskaŭ ĉiuj kongresanoj partoprenintaj la kunsidojn. Antaŭ ĉio li kontraŭbatalas la proponitan komunan organizaĵon „Internacia Reprezentantaro", kies starigo estis trovata necesa preskaŭ unuvoĉe. Nur 19 el pli ol 1050 reprezentataj voĉoj estis kontraŭ la decido, kaj neniu deklaris post legado de la protokolo, ke li estis aŭ protestinta aŭ ne voĉdoninta. Plue S-ro Hoen kontraŭdiras la unuvoĉan decidon de la germana kongreso en Lübeck, unuanime voĉdoni por la starigo de la pridirita organizaĵo, kaj en la koncerna kunsido en Antwerpen li sola intencis kontraŭstari tiun decidon de nia germana asocio. Kiu estis en Antwerpen kaj poste legis la raporton de S-ro Hoen, certe tuj ekkonis, ke la raporto ne respondas la faktojn, sed ke ĝi estas diktita de stranga intenco iri propran vojon kontraŭ la volo kaj deziresprimo de kongreso, kiu estis unu el niaj plej sukcesintaj.

En la nomo de la Dresden'aj delegitoj por la 7a Kongreso, S-ro von Frenckell publike protestis kontraŭ la agadmaniero de S-ro Hoen en „*Mitteilungen*" (sciigoj) de Societo Esperanto Dresden. Mi persone tute aprobas tiun proteston, kaj substrekas ĝin vorto post vorto.

En la n-roj 41 kaj 42 de G. E. G. S-ro Mangelsdorf, la ĉefredaktoro, defendas sian kolegon kontraŭ la protesto per klarigoj, kiuj por mi estas — neklaraj. Mi legis ilin kelkafoje, sed ĉiam ili restis por mi konfuzaj. Mi nur komprenas el ili, ke S-ro Mangelsdorf, por pravigi la dirojn de sia kolego, publikigas 4 protestojn de francaj grupoj kontraŭ la decidoj de la kongreso. La iniciatinto de tiuj ĉi protestoj estas S-ro Lamant el Limoges. Nu, kiu el la ĉeestintoj ankoraŭ memoras la konduton de tiu ĉi sinjoro en la kunsidoj, tiu komprenos, ke la protestoj ne estas tro serioze konsiderindaj. Sed pli rimarkinde estas, ke S-ro Mangelsdorf eĉ kontraŭstaras nian germanan asocion kaj la Esperantistan Centran Oficejon kaj opinias ilin negravaj kaj senbezonaj. Per tio li ekpaŝas vojon, kiu kondukas al celo danĝera por la esperanta afero. Se miaj Magdeburg'aj kolegoj trovas bona tiun vojon, ili iru ĝin. Sed ili ne miru, se la prudenta germana esperantistaro ne sekvos ilin. Ili ankaŭ ne miru, se ili estos kalkulataj al tiuj samideanoj, kiuj ne sentas la ĝeneralan respondecon pri nia afero, kaj kiuj pli bone agus, ne publikigante siajn strangajn opiniojn.

Oni pardonu al mi mian kritikon, kaj oni kredu, se mi certigas, ke ĝi ne estas farata pro personaj kaŭzoj kontraŭ la du nomitaj sinjoroj aŭ ties gazeto. Nepre ne. Mi nur faris ĝin pro la vero kaj pro intereso por nia organizaĵo, kiu al la redaktoroj de G. E. G. ne ŝajnas sufiĉe grava.

*F. Ellersiek.*

---

## La plezuroj de la „Sepa".*)

### La ekskurso sur la „Schelde".

Vendredon, la 25an de Aŭgusto, je la dua horo posttagmeze, kolektiĝis la kongresanoj en granda amaso sur la vasta placo antaŭ la Reĝa Ateneo, por kune marŝi en granda procesio al la haveno. Tio estis bona ideo, ĉar per tio la Antwerpen'anoj vidis kuniĝintaj la esperantistajn gastojn, kiuj dum la kongresa semajno estis en ilia urbo. Nia Majstro kun edzino, veturantaj en kaleŝo, malfermis la procesion, kaj la tuta granda irantaro sekvis, kantante kaj babilante. Tuj post la ekmarŝado dekduo da tro entuziasmaj anglaj samideanoj maljungis la ĉevalojn de la kaleŝo de nia Majstro kaj mem tiris ĝin ĝis la haveno. La entuziasmo ja estas bona afero, sed ŝajnas al mi, ke ĝi ne devas esti trograndigata. Mi certe kredas, ke en tiu ĉi okazo la troentuziasmo malhelpis la bonan efikon de la demonstracio tra la urbo.

Sur la kajo, kie okazis la enŝipiĝo, regis granda interpremo, sed tamen la homamaso en sufiĉe bona ordo suriris la tri disponeblajn ŝipojn, ornamitajn per esperantaj flagoj. Ĉiu trovis lokon sur unu el la ŝipoj, se ankaŭ nur iom malkomfortan, kiel ekz. mi: sur dentoriĉa ankroradaro. Sed la saman lokon ankaŭ okupis nia ĉarma fraŭlino Ch. Pulvers, kiu sidis, kvazaŭ rozo inter dornoj, inter nia Dresden'a amiko Karsch kaj mi. Kontraŭ la dentoj de la radaro ni ŝirmis nin per niaj kunmetitaj manteloj, kaj por ke ni ne falu, ni reciproke ĉirkaŭprenis nin. Do la situacio estis eltenebla.

Unue la veturo iris longan vojon maren. La tuta grandioza bildo de la interesa urbo kun ĝia granda, vivoplena haveno malvolviĝis antaŭ niaj okuloj. Kajo sekvis post kajo, doko post doko kaj ŝarĝlevilo post ŝarĝlevilo, kaj apud kelkaj haltis grandegaj komercaj ŝipoj, kiuj venis aŭ iros trans la oceanon. Antaŭ ni etendiĝis la larĝa „Schelde", iom movita per sufiĉe forta vento, kaj la leviĝantaj ondoj brilis en la radioj de l' hela suno. Senintence oni ekpensis pri la bela flandra popolkanto, kies strofoj finiĝas per la refreno:

*) Vidu la antaŭan numeron, p. 199—201.

O Schelde, o machtige, prachtige vloed, wees gegroet! (Ho Skeldo, ho forta belega riverego, saluton al vi!) — — —

La alia bordo de la riverego prezentis al ni nur dezertan pejzaĝon kaj kelkajn publikajn ĝardenojn. Post duona horo la ŝipoj turniĝis kaj veturis denove preter la urbo, tiel ke ni ankaŭ povis admiri la alian parton de la urbo, kiu troviĝas en la direkto kontraŭ la fluo de l' riverego. Post sufiĉe longa veturo la ŝipoj denove turniĝis, kaj je la kvina horo ni ree atingis la enŝipiĝejon. — La lasta ŝipo, sur kiu estis nia Majstro, bedaŭrinde havis akcidenton, dank' al Dio ne gravan: difektiĝis la ŝraŭbo. Sed la difekto estis baldaŭ riparita, kaj la ŝipo povis sekvi la aliajn. Sur tiu ĉi ŝipo ankaŭ kunsidis la unuan fojon la nove elektita komisio por starigo de projekto de internacia organizaĵo. Eble la maŝinaro de l' ŝipo strikis pro tio, ke ĝi ne volis toleri laboran kunsidon dum amuza ekskurso. — —

Kelkaj ekskursanoj forte sentis la mankon de muziko sur la ŝipoj. Mi tute ne. Kontraŭe, mi ĝojis pri tio, ĉar oni en Antwerpen jam devis aŭskulti sufiĉe da muziko. Sur la stratoj, antaŭ kaj en la hoteloj, kafejoj kaj restoracioj, unuvorte ĉie, oni aŭdis la ofte tute ne bonajn melodiojn, kiujn vagantaj ciganoj ellogis el siaj gurdo-fortepianoj kaj gitaroj. Tiom ofte, kiom en tiuj ĉi kongresaj tagoj, mi ĝis nun ne aŭdis la germanan (aŭ anglan?) himnon, al kiu senpere sekvis la franca. Eble tio okazis je la honoro de la ĉeestantaj esperantistaj anoj el la koncernaj nacioj. Sed kial oni ne ludis la himnojn de la aliaj reprezentitaj nacioj? Tion la kongresa komitato verŝajne ne atentis kaj antaŭe ne pripensis!

### La balo.

La saman tagon, vespere, okazis la kutima internacia balo en la salonego de la „Reĝa Harmonia Societo". Ĝi estis senpacience atendita de niaj kongresaninoj kaj ankaŭ de multaj reprezentantoj el la — malpli bela sekso. Tion pruvis la multnombra partoprenantaro. Kvankam la salono estis sufiĉe granda, ĝi tamen ne havis lokon por ĉiuj vizitantoj. Multaj el ili devis sidi kunpremite en la anguloj aŭ en la antaŭa halo, dum aliaj preferis promeni en la agrable silenta ĝardeno, dube lumigita per la malforta brilo de la stelkovrita nokta ĉielo.

La internacieco de la balo bone montriĝis per la diversnaciaj kostumoj. Kiel ĉiam, ankaŭ ĉi-foje Kolonelo Pollen sin prezentis en frapanta, kurioza kostumo kun longaj trenaĵo kaj ĉapelplumo. (Oni diris, ke laŭ la longeco de la plumo oni povas kalkuli, kiom da kongresoj S-ro Pollen vizitis, ĉar ĝi ĉiufoje iom plilongiĝas.) Plue oni vidis belan elzasan kostumon (F-ino Ch. Pulvers) kaj la tutan familion Robin el Bukareŝt en rumanaj kostumoj. La du geknaboj de Dro Robin ĝojigis nin per bone deklamitaj esperantaj poemoj kaj per kuraĝaj respondoj en bona Esperanto al la demandoj, faritaj de ĉirkaŭstarantoj. (Komparu la raporton pri la Antaŭkongreso en Dresden, en la antaŭa numero.) La multajn nomojn de la aliaj kostumitaj nacianoj mi bedaŭrinde ne scias. Mi do nur povas citi la kostumojn. Estis interalie: anglinoj, holandaninoj, gehispanoj, italinoj, geskotoj kaj kelkaj uniformitoj el diversaj landoj.

Kvankam mi mem ne estas dancema, mi tamen trovis, ke la kongresa balo estas la plej bona okazo por konatiĝi kun multaj kongresanoj. Preskaŭ ĉiuj estas kuniĝintaj en unu loko, ne okupitaj per laboroj kaj aliaj kongresaj aferoj, pro tio kaj la danco kaj la promenado tra la salono multe akcelas la interkonatiĝon.

Laŭ la melodioj de granda orkestro oni gaje dancis ĝis la tria horo matene, kaj la ĝeneralan ĝojon pri la dancado eĉ ne malhelpis la ofte sentakta ludo de la orkestro. — Post la oficiala fermo de la balo multaj gesamideanoj ankoraŭ iris en kafejon, kie ili restis en gaja, amika rondo ĝis la — — ne, tion mi ne diros. Mi nur volas certigi, ke ĉiu el ili sufiĉe frue hejmvenis por preni sian matenmanĝon je la kutima tempo.

### Diversaĵoj.

Multe vizitata de kongresanoj estis la „Cinéma" (kinematografa teatro) de Pathé frères. Tie estis videblaj kelkaj epizodoj de la kongreso, ekz. la akcepto de Dro Zamenhof, la enŝipiĝo por la ekskurso sur la Schelde k. c. Por kelkaj vizitantoj estis tre amuze, vidi sin mem moviĝantan sur la bildoj.

* * *

Dank' al la praktikaj fervojabonoj en Belgujo, multaj kongresanoj faris pli-malpli longajn ekskursojn, prefere al Bruxelles kaj Ostende. Precipe la fame konata marbanejo estis multe vizitata. Tie la samideanoj ĵetis sin kun vera ĝuo en la malvarmetajn ondojn de l' norda maro. Kelkaj eĉ forgesis reveni Antwerpen'on. Ili restis tro longe en la bano kaj verŝajne estis kaptataj de marvirinetoj, kiuj estis scivolaj aŭdi interparolojn en lingvo, ne konata de ili. Certe ili lernos Esperanton, por ke, kiam la 15a Kongreso denove okazos en Antwerpen, ili povu ĝin partopreni. Kaj tiam ili eble ankaŭ redonos niajn forgesemajn samideanojn.

* * *

Ho ve, ĝuste ĉe la fino mi ekpensas, ke mi estas preskaŭ senvalora gazetistaĉo, ĉar ĝis nun mi ne sufiĉe menciis la „Kongresan Gazeton"! Estas la merito de la „Sepo" unuafoje eldoni tian ĵurnalon, sesfoje aperintan, kiu informis la kongresanojn pri ĉiuj okazaĵoj kaj aranĝoj de la kongreso. La redaktoro de la gazeto ree estis la senlaca, genia Doktoro W. Van der Biest. Li estis vere lojala ĵurnalisto, ĉar li eĉ publikigis kritikojn. Mi rekomendas lin al S-ro Couturat, kiu ĉiam plendas pri nelojalaj ĵurnalistoj esperantistaj. — Kiu volas sin detale informi pri la tuta kongreso, havigu al si la kolekton de la „Kongresa Gazeto", kiu estas aĉetebla por 0,400 Sm. ĉe S-ro Dro W. Van der Biest, Antwerpen, Minderbroedersrui 76. *F. Ellersiek.*

---

## Nachtrag.

Im Anschluss an den in der vorigen Nummer befindlichen allgemeinen Bericht über den „Sepa" sei noch mitgeteilt, dass die **Ruĝuloj** (socialistaj esperantistoj) in Antwerpen eine öffentliche Propagandaversammlung unter dem Vorsitz von Dr. Hanauer-Brüssel veranstaltet haben. Diese hatte einen guten Erfolg. Es waren ca. 200 Personen anwesend, und

eine grössere Zahl Arbeiter meldeten sich sofort zur Teilnahme an einem Unterrichtskursus. Eine wirkungsvolle Propaganda bildeten in dieser Versammlung die von Arbeitern aus 6 verschiedenen Ländern in Esperanto gemachten Ansprachen, die sofort von einem belgischen Genossen ins Flandrische übersetzt wurden.

## La Literaturaj Konkursoj de la „Sepa".

Ĉi sube ni presigas la raporton pri la Literaturaj Konkursoj, kiun verkis S-ro Dro Van der Biest, kaj kiun S-ro Schoofs legis okaze de la disdono de l' premioj en la Flandra Operejo.

Karaj kunkongresanoj!

Kiam vi legis en la programo de la jena festo, ke mi havos la honoron prezenti al vi ĝeneralan raporton pri la literaturaj konkursoj, organizitaj okaze de la Sepa, vi sendube pensis: „Kio! jen tute ne konata, tute ne sperta, tute ne kompetenta samideano prijuĝos tekstojn, inter kiuj kelkaj estas verkitaj de eminentaj esperantistoj!"

Ĉi tiun riproĉon mi meritus, ĉi tiun riproĉon miaj gekolegoj de la Sepo meritus, se ili ne estus sin turnintaj antaŭe al mondfamaj esperantistoj — S-roj profesoro Cart, Dro Mybs —, kiuj bedaŭrinde rifuzis. Fine, ĉar la tempo mankis, la honorplena, sed malfacila tasko estis konfidata al mi.

Multaj el vi jam legis en la bonega ĵurnalo de U. E. A. artikolon, verkitan pri niaj literaturaj konkursoj de unu el niaj plej kleraj kaj sindonaj kunbatalantoj. S-ro Hodler estis mem juĝanto de unu el la konkursoj, kaj li konstatis, ke la prezentitaj verkoj ĝenerale ne havas grandan valoron. Li diris, ke la konkursoj estas tro multnombraj kaj la premioj tro malaltaj: oni havu nur du konkursojn, unu por prozaĵoj kaj unu por versoj, kaj aljuĝu altajn premiojn; tiam bonaj aŭtoroj partoprenos en ili kaj la rezultoj estos brilaj.

Certe, principe li estas prava. Sed praktike, kio okazis? Ni faris alvokon al ĉiuj esperantistoj, al societoj, al gazetoj kaj eldonistoj, por ke ili donacu premiojn kaj difinu temojn. Multaj malavaraj samideanoj favore akceptis nian peton; ni estus sendankemuloj, se ni plendus pri tio. Laŭ mia persona opinio, konkursoj ne ekzistas por konigi personojn jam konatajn aŭ por kuraĝigi samideanojn, kiuj tute ne bezonas kuraĝigon. Ĉetere, kelkaj famaj esperantistoj partoprenis en niaj konkursoj: Zakrzewski, Fiŝer, Devjatnin, Bicknell, Schröder, Vogler, Pujulà kaj aliaj faris al ni tiun honoron, kaj mi estas feliĉa, sendante al ili la esprimon de nia danko; sed mi samtempe tutkore gratulas la antaŭe ne konatajn esperantistojn, kiuj en niaj konkursoj trovis la okazon, doni pruvojn de sia talento.

Mi ankaŭ volonte esprimas la ŝuldatan dankon al la afablaj donacintoj de premioj: Societo Esperantista Kaŭkaza (Tiflis), Societo Esperanto (Dresden), Antverpena Grupo Esperantista (Antwerpen); La Verda Stelo (Antwerpen), Fervoro (Antwerpen), Libera Penso (internacia); Ĉekbanko Esperantista (London); Stela - Concert (Paris), Tutmonda Esperanto-Anoncekspedo (Charlottenburg); la gazetoj La Revuo, Juneco, La Movado, Germana Esperantisto, La Kroniko, Belga Esperantisto; S-ino Yemans, F-inoj Hamand (Schaller) kaj Moreau (Bruxelles), S-roj Dro Ruiz Prieto (Sevilla), Nix (Eastbourne) kaj Yemans (Detroit). Donacis ankaŭ premiojn La Sepo por la Sepa, S-roj Schoofs kaj Van Schoor.

Kore mi ankaŭ dankas, en la nomo de la loka organiza komitato, la gesamideanojn, kiuj bonvole prenis sur sin la malfacilan taskon prijuĝi la valoron de la alsenditaj verkoj. Krom geanoj de la Sepo ili estas: S-inoj Blaise, Hankel kaj Junck; F-ino Boon; S-roj André, Archdeacon, Aymonier, Bernaert, Bourlet, Bruijn, Cart, Champy, Chavet, Christaller, Cnossen, Delvaux, Durieux, Elb, Ellersiek, Finet, von Frenckell, Jakeŝ, de Lengyel, Lundgren, Mathieux, de Ménil, Millidge, Nix, Parker, Parotte, Pichon, de Saussure, Schumacher, Steier, Van de Stadt, Warnier kaj Wichert.

Mi nun rapide priparolos la rezultojn de ĉiu konkurso.

En la konkursoj 7, 9, 22 kaj 24 neniu partoprenis. Por n-ro 15 unu persono sendis manuskripton, kiu ne akiris premion — ĉar oni devas havi almenaŭ la 2/3 de la poentoj por havi unuan premion.

La laŭreatoj de la 1a konkurso — Historio de Esperanto — estas S-roj Zakrzewski, el Warszawa (unua premio), kaj Dro Fiŝer, el Tiflis (dua premio). Iliaj verkoj distingiĝas per kompleteco kaj precizeco; la stilo — tio tute ne mirigos vin! — estas tre flua kaj vere esperanta.

Oni kunmetis la manuskriptojn de la konkursoj 2 kaj 21, kies temo estas la sama — Novelo. La gepremiitoj estas F-ino Flourens, el Béziers, kaj S-ro Beau, el Lyon.

La premion de la 3a konkurso — Esperanto kaj komerco — akiris S-ro Sommer, el Chemnitz; lia manuskripto, kiu enhavas bonajn argumentojn, estas tute senerara.

S-ro Broekhuizen, el Hago, kiu verkis tre interesan artikolon pri Esperanto kaj la laboristoj (4a konkurso), precize pruvas, ke la laboristoj bezonas Esperanton; dezirinde estas, ke multaj laboristaj gazetoj publikigu tiun bone pripensitan tekston.

La premion de la 5a konkurso — La malnova flandra pentrista skolo — akiris ne flandrano, sed S-ro Dufeutrel el Alger, kiu verkis artikolon kompletan, interesan kaj bonstilan.

Malpli brilaj estas la rezultoj de la 6a konkurso — Deviga instruado de Esperanto. La juĝintoj decidis ne aljuĝi unuan premion; duan premion (80 fr.) akiris S-ro Baff, el Washington, kaj trian (20 fr.) S-ro Camescasse, el Paris*).

Interesa artikolo pri la Batalo por akiro de la lingvaj rajtoj ĉe la bohemoj havigis la premion de la 8a konkurso al la sindona kunlaboranto de la Sepo, S-ro Jakeŝ, el Ĉ. Budejovice.

Soneto (10a konkurso) ne estas facila formo de versaĵo; tamen inter la senditaj tekstoj kelkaj estis tre bonaj. La premion akiris rava verketo de la bonega poeto Bicknell, el Bordighera.

En la 11a konkurso, kies temo estis Originala studo pri historio, literaturo kaj arto, distingiĝis S-roj Stahl, el Mahrenberg (1a premio), denove S-ro Dufeutrel, el Alger (2a premio), kaj S-ro Pujulà, el Barcelona (honora mencio).

*) La rezultoj de kelkaj konkursoj ne estas ankoraŭ konataj.

La temo de la 12a konkurso — Kvarversaĵo — ege plaĉis al niaj versfarantaj samideanoj; 42 „poetoj“ partoprenis en ĝi. Bedaŭrinde kelkaj kvarversaĵoj enhavas pli ol kvar versojn (!); kelkaj estas senritmaj kaj senrimaj; fine kelkaj enhavas gramatikajn erarojn. Estas por mi granda ĝojo gratuli kiel laŭreaton S-ron Van de Velde, el Boom, la talentplenan esperantistan aktoron, kiun ni jam aplaŭdis la lastan dimanĉon, en Devo de Reĝo kaj La Revuo de la Sepa.

Nia eminenta samideano Vogler, el Hamburg, akiris la premion en la 13a konkurso — Ĉekoj kaj transpagiloj. Lia tute bonstila verko estas kompleta kaj praktikebla.

La plej bonan tekston en la 14a konkurso — Verko de persono malpli ol 20 jara — liveris S-ro Hunger, el Frankenberg; laŭ stilo kaj ideoj, lia poemo „Tri patrinoj“ estas tute laŭdinda.

Por la 17a konkurso — Esperanto kaj aviadistoj — la unua premio ne estas aljuĝita. Duan premion (65 fr.) akiris S-ro Sommer, el Chemnitz, kaj trian (35 fr.) S-ro Vaŝatko, el Praha.

S-ro Baylis, el West-Hartlepool, akiris la premion de la 18a konkurso. Lia Kanzono estas poezia, simpla kaj facile kantebla.

Du famuloj estas la laŭreatoj de la 19a konkurso — Popolaj moroj, Popolaj legendoj —: S-roj Devjatnin, el Kovno, kaj Schröder, el Wien. Ambaŭ, kiel ĉiam, distingiĝas per bona, flua stilo.

F-ino Flourens, kiun mi jam havis la ĝojon nomi, kaj kiu estas la sola laŭreatino de la konkursoj, kaj S-ro Momber, el Oberdollendorf, akiris respektive la unuan kaj duan premion de la 20a konkurso — Laŭfundamenta verketo —, en kiu la difino de l' premiotaj tekstoj estis tre malfacila, ĉar la plimulto el la senditaj verkoj estis tre laŭdindaj.

Finante ĉi tiun raporton, mi esprimas la deziron, ke en venontaj konkursoj la malavareco de l' donacantoj, la bonvolo de l' juĝantoj kaj la lerteco de la verkantoj ĉiam sin montru kiel ĉe la nunaj literaturaj turniroj, pro kies bonegaj rezultoj mi ree tutkore dankas ĉiujn, kiuj kunhelpis por ilin sukcesigi.

*El „Kongresa Gazeto“.*

# Germana Kroniko.

*Ĉiuj grupoj kaj izolitaj samideanoj estas petataj, sendi al ni kiel eble plej akurate mallongajn raportojn pri sia agado kaj pri la progresoj de Esperanto en sia urbo aŭ regiono. La raportoj devas alveni ne pli malfrue ol la 20an de ĉiu monato.*

## Grava sukceso!

**Köthen (Anh.).** Jam de pli ol du jaroj okazis en la tiea „Friedrichs-Polytechnikum“ regulaj kursoj esperantaj laŭ permeso de la duka Anhalt'a registaro. Nun ĉe la Politeĥniko estas starigita nova fako por komercaj inĝenieroj, en kiu Esperanto estas deviga por la antaŭekzamenoj tiamaniere, ke ĉiu ekzamenoto devas prezenti skriban laboron krom en aliaj lingvoj ankaŭ en Esperanto. En la buŝa ekzameno la ekzamenotoj povas elekti unu el 4 lingvoj, inter kiuj kompreneble ankaŭ troviĝas Esperanto. Jam ĉe la komenco de la nuna vintro-duonjaro sin anoncis por la nova fako du sinjoroj, kiuj elektis Esperanton por la buŝa antaŭekzameno. Ambaŭ ricevis la ateston „bona“, kaj ankaŭ ilia skriba laboro en Esperanto ricevis la predikaton „bona“. — Jen la unua okazo, en kiu Esperanto estas oficiale aprobita de registaro en Germanujo. Tiun ĉi sukceson ni precipe ŝuldas al la klopodoj de S-ro Direktoro Prof. Dro Foehr kaj S-ro inĝeniero kaj dipl. ĥem. W. Kohli.

* * *

**Bavara Ligo** aranĝis la 14an kaj 15an de Okt. Esperanto-tagon en München. Ĝi estis kunigita kun delegita kunveno de U. E. A. kaj havis lokon en „Paulanerbräu“. Sabaton, la 14an, S-ro advokato Dro Orthal-Nürnberg faris propagandan paroladon, en „Wittelsbacher Garten“, antaŭ granda ĉeestantaro. La 15an, matene je la 9a, kunvenis la anoj de U. E. A.; je la 10a S-ro Dro Orthal malfermis la kunsidon de „Bavara Ligo“. Post priparolado de l' regularo la jena estraro estis elektata: Dro Orthal-Nürnberg (1a prez.); Dro med. Stuhlberger-München (2a prez.); S-ro Papst-Fürth (kas.) kaj S-ro ĉefinstruisto Schmalzl-Augsburg (sekr.). Plue oni pritraktis aranĝon de antaŭkongreso 1912 en München. Post parolado de S-ro Dro Ledermann-Augsburg la kunveno estis fermata.

**Saksa-Turinga-Esperantista Ligo** havis sian 3an jarkunvenon la 24an de Sept. en Magdeburg. La prezidanto S-ro Stark salutis la partoprenantojn. Sekvis interesa parolado de S-ro ĉefinstruisto Schmiedeberg el Delitzsch pri „La graveco de Esperanto por komerco kaj scienco“. Poste S-ro Parrish el Los Angeles faris sian interesan paroladon pri „Kalifornio“. Li montris per multaj lumbildoj la belecon de sia lando. Esperanta ekspozicio estis aranĝita. La nombro de la grupoj, aliĝintaj al la ligo, altiĝis dum la lasta jaro de 16 je 25. La novelektita estraro konsistas el jenaj sinjoroj: Dir. Prof. Dro Foehr-Köthen (1a prez.); lerneja konsilisto Prof. Dro Rohrbach-Gotha (2a prez.); E. Stark-Magdeburg (administranto); J. Michaelis-Magdeburg (sekr.) kaj Fr. Rockmann-Magdeburg (kas.).

Multnombre vizitata konferenco de la **Sileziaj Esperantistoj** okazis la 10an de Sept., en la hejmo de la loĝio „Zur wahren Eintracht“ en Schweidnitz, laŭ invito de la tiea grupo. Reprezentataj estis: Ĉefgrupo-Breslau, grupo „Zamenhof“-Görlitz, Ĉefgrupo kaj gimnazia grupo Lauban, la grupoj de Frankenstein, Schweidnitz kaj Laborista Grupo Breslau. Post salutparolado de S-ro kalkulkonsilisto Schulz, prezidanto de la grupo Schweidnitz, S-ro Arnold Behrendt el Breslau parolis pri „La utileco de Esperanto por poŝtistoj kaj fervojistoj“. Sekvis diskutado pri organizo de la sileziaj esperantistoj. S-roj Mally-Görlitz kaj Mahn-Breslau proponis fondon de silezia ligo, sed laŭ deziroj de S-roj Behrendt, Prof. Hübner kaj Schulz oni starigis centran oficejon por statistiko kaj propagando en

Silezio. Grupo Schweidnitz estis elektata kiel administrejo. Post komuna tagmanĝo oni vizitis la tiean metian ekspozicion. La esperanta parto, por kiu la aranĝinta grupo Schweidnitz jam estas premiita per honora diplomo, estis tre laŭdata de ĉiuj vizitantoj esperantistaj. — Ĉiuj gesamideanoj kaj grupoj de Silezio estas insiste petataj, sciigi ĉiujn aferojn esperantajn kaj ĉiujn adresojn de neorganizitaj esperantistoj de la provinco al la grupoprezidanto S-ro Edm. Schulz, Rechn.-Rat, Schweidnitz.

La 1an de Okt. okazis en Leipzig la tria ĉefkunveno de la **Esperanto - Unuiĝo de Saksaj Geinstruistoj.** Oni decidis eldoni presitajn „Sciigojn", kunigi la izolitajn membrojn en distriktaj grupoj, kaj oni fiksis la jaran kotizaĵon je M. 1,25. S-ro Sykora, Dresden-N., Bischofsweg 19, estas elektita prezidanto, kaj ĉiuj saksaj kolegoj estas petataj sendi al li siajn aliĝojn.

* * *

**Arnstadt.** S-ro konsilisto Wittmeyer, la ĝisnuna grupestro, kaj F-ino Mühlberg (bibl.) fordonis siajn oficojn. S-ro instruisto A. Kunze, Lohmühlenweg 1, provizore anstataŭos ambaŭ; la oficejo ankaŭ estas ĉe li.

**Augsburg.** „Esperanto - Societo" daŭrigis la kursojn dum la tuta somero. — Tre sukcesa ekskurso al Friedberg estis aranĝita. Esperanta teatraĵo, tradukita kaj ludita de S-roj Pfeufer, kaj aliaj amuzaĵoj ĝojigis la partoprenantojn, kaj kelkaj raportoj vigligis la intereson de la membroj. S-ro Schmalzl parolis pri la vizito al nia Majstro en Kissingen kaj pri la Antaŭkongreso en Dresden; S-ro Dro Ledermann pri la Sepa, kaj S-ro Fleck pri la 2a kongreso de U. E. A. — Nova kurso komenciĝis. — En ĝenerala kunveno la grupo decidis aliĝi al „Bavara Ligo". La ĝisnuna estraro estas reelektita. – Tre grava fakto estas la komenco de esperantaj kursoj en la tiea realgimnazio, kiujn nia sukcesinta kunlaboranto Dro Ledermann gvidas kun permeso de la direktoro.

**Bad Harzburg.** La 16an de Sept. S-ro supera distrikta juĝisto Reinking faris propagandan paroladon en kafejo „Peters", per kio multaj el la aŭskultantoj estis instigataj partopreni kurson. — La tiea perfektiga lernejo ankaŭ instruos Esperanton.

**Bamberg.** La grupo aranĝis esperantan ekspozicion en sia kunvenejo kafejo „Schönlein", la 23an ĝis 30a de Sept. Multaj ĵurnaloj, lernolibroj kaj aliaj literaturaĵoj, propagandiloj, gvidfolioj, komercaj reklamiloj k. t. p., kiuj estis montrataj, informis la vizitantojn (estis pli ol 200) pri nia movado. La 24an de Sept. S-ro Dro Möbusz el Lübeck kun 20 seminarianoj vizitis la urbon. La gastoj estis akceptataj de samideanoj ĉe la stacidomo, kondukataj en la ekspozicion kaj poste gvidataj tra la urbo. — La 4an de Okt. komenciĝis novaj kursoj.

**Barmen.** S-ro Tarnow, propagandestro de la nova grupo „Verda Stelo"-Elberfeld (vidu sub Elberfeld), eldonis bele ilustritan 8-paĝan gvidfolion, kiu estis senpage disdonata dum la Antaŭkongreso en Dresden kaj dum la Sepa.

**Berlin.** Komenciĝis 2 novaj kursoj gvidataj de S-roj William kaj Kwiatkowski. — La 14an de Okt. S-ro Ellersiek parolis pri „Esperanto kaj la Internaciaj rilatoj" en „Berliner Faktorenverein"; la parolado okazigis grandan intereson por nia afero. — La 5an de Okt. S-ro Kaiser-Altenburg faris sukcesplenan propagandan paroladon, aranĝitan de „Laborista Unuiĝo" en „Gewerkschaftshaus". Komenciĝis 4 kursoj inter la laboristaro. — „Grupo Suda" elektis novan estraron: Sroj Willi Spengler (prez.): A. Hoppe (kas.); F. Kleiner (sekr.). — Komenciĝis nova kurso en „Kaufm. Verband für weibliche Angestellte". F-ino Pielke faras bonan propagandon por nia afero en la gazeto de la unuiĝo. En 8 lokaj grupoj de la unuiĝo oni jam okupiĝas pri Esperanto.

**Berlin-Rixdorf.** La 31an de Okt komenciĝis nova kurso por instruistoj, gvidata de S-ro instruisto Witbrodt.

**Berlin - Schöneberg.** Nia fervora samideano S-ro instruisto Tietsch ricevis de la tiea magistrato la permeson aranĝi kursojn por popollernejanoj. Tuj preskaŭ 100 lernantoj anoncis sian partoprenon. Unue komenciĝis kurso kun 25 knaboj de la 2a urba popollernejo en Kyffhäuserstrasse.

**Bremen.** S-roj W. Fricke, P. Günzel kaj C. Renken sukcese trapasis la ekzamenon de la ekzamena komitato de G. E. A. (Vidu la oficialan parton.)

**Breslau.** Reveninte de la Antwerpen'a kongreso, la delegitoj raportis en la grupkunsidoj pri la Sepa. — La instruado komenciĝis. Entute nun estas instruataj: 17 personoj de S-ro Freund, 18 de S-ro Mahn, en kursoj aranĝitaj de la G. E. A.-grupo. Plue S-ro Mahn instruas 35 personojn (inter ili 4 popollernejanojn) en kurso, aranĝita de la tiea laborista grupo. Krom tio estas instruataj de F-ino Wolfson 6 personoj, de F-ino Luft 4 personoj (inter ili 3 popollernejanoj), de S-ro Zeppler 5 personoj, de S-ro Behrendt 70 personoj; sume: 155 personoj. La kursanoj de S-ro B. estas nur poŝtoficistoj (inter ili 5 subrangaj) kaj oficistinoj. La sukceso, montrata per la ĉi-supraj nombroj, estas la sekvo de propagando per afiŝkolonoj, per ekspozicieto ĉe „Barrasch" (granda magazeno) kaj per paroladoj. S-ro Mahn parolis la 7an de Okt. en la Unuiĝo de Asekuroficistoj. S-ro Behrendt la 10an en la loka grupo de la Unuiĝo de mezrangaj poŝtaj kaj telegrafaj oficistoj. Certe plej efikaj estis la tri paroladoj, kiujn faris S-ro Parrish pri Kalifornio. S-ro P. vizitis antaŭ la paroladoj la ĉi-tieajn redakciojn. Ĉar la angla kaj la esperanta lingvoj estas la solaj, kiujn scias S-ro P., la interparolado okazis . . . esperantlingve per helpo de interpretanta S-ro Mahn. Oni provis, interparoli angle, sed nepre malsukcesis. Same okazis en la Komerca Ĉambro. Ĉu Esperanto estas necesa, ĉu ne? Ĉu ĝi taŭgas, ĉu ne? La unua parolado de S-ro P. (la 4an de Okt.) estis aranĝita de la laborista grupo; ĉeestis proksimume 650 personoj. La duan (la 5an) aranĝis la loka grupo de G. E. A. (ĉeestis pli ol 400 personoj); la trian (la 6an) devis rapidege aranĝi la sama grupo, ĉar la biletoj por la dua estis tute disvenditaj du tagojn antaŭ la 5a. La plimulto el la taggazetoj favore raportis. Tuj antaŭ la tradukitaj de S-roj Mahn kaj Behrendt paroladoj de S-ro P. oni aŭskultis klarigojn pri la signifo de Esperanto kaj de U. E. A. (la kvaran de S-ro Mahn, la kvinan kaj sesan de S-ro Behrendt). Eksterlandaj gastoj en Septembro: S-ro Appleboom el Liverpool kaj S-ro Birnzweig el Kelce (Rusujo).

**Bromberg.** En la estrarkunveno de la grupo S-ro Dro Kandt raportis pri la Sepa. Poste oni priparolis

La bela vivanta floreto kaj diris:
„Vi min enkorpigis, potenca sinjoro,
Sed restis en mi la animo de l' floro:
Mi timas la pluvojn, fulmtondrojn sonantajn,
Ventegojn, de l' suno radiojn brulantajn . . .
De nun min atendas senfina sufero, —
Ho, kie mi loĝos sur tiu ĉi tero?“ —
— Sur suproj de l' montoj mi vin ekloĝigos? —
„Ne, tie min neĝoj kaj frostoj mortigos!“
— Sur fundo de l' lago por vi mi konstruos
Palacon kristalan? — „Ne, tie ja bruos
Kaj rampos la monstroj diversaj, serpentoj“ . . .
— En stepoj senfinaj? — „Ne, tie la ventoj
Min blovos senĉese: mi timas, sinjoro!“
— Do kion mi faros kun vi, mia floro? —
Kaj Kriŝna mallevis la kapon, pensante;
La flor-virgulino atendis tremante . . .

— — — — — — — — — — — — — — —

Sed jen ekoriĝis la akvo de l' lago,
Kaj en orient', antaŭsigno de l' tago,
Aperis la roza matena Aŭroro . . .
Ĝin gaje renkontis birdaro per ĥoro,
Kaj kordoj, sur konko de perlo streĉitaj,
Kaj vortoj de kanto jam estis aŭditaj . . .
Kaj Kriŝna vekiĝis tuj el meditado
Kaj diris: „Ĝi estas solena kantado
De mia Valmiki. Senzorga poeto
Salutas la venon de l' sun' al planeto.“
Valmiki al Kriŝna potenca rapidas . . .
Sed jen virgulinon-lotuson li vidas! . . .
Elglitis la konk' el la manoj: li ĉesis
Ludadi, la sunon brilantan forgesis,
Li haltis subite . . . formortis la vortoj . . .
Kaj staris li muta, senmova, sen fortoj . . .
„Valmiki! al mi pli proksime aliru!
Vekiĝu, Valmiki, — vekiĝu kaj diru!“
Lin Kriŝna ordonis kun gaja rideto.
. . . „Mi amas!“ eldiris kun ĝem' la poeto . . .
Kaj Kriŝna potenca, ĝojante sen fino,
Sin turnis tuj mem al la flor-virgulino:
„Ho, mia amata plej bela floreto, —
Ekloĝu de nun en la kor' de l' poeto!“
Kaj kiel la ondo de Ganges trankvila,
Brilanta, al tago somera simila,
Ŝi kelke da paŝoj antaŭen jam volis . . .
Sed haltis subite kaj treme parolis:
„Mi timas, ho, mia potenca sinjoro! . . .
Mi vidas profunde en tiu ĉi koro
Kaj neĝojn de montoj, kaj lagajn serpentojn,
Kaj fulmojn, kaj tondrojn, kaj stepojn, kaj ventojn!“
Sed Kriŝna rediris kun bona rideto:
„Ne timu la koron de mia poeto!“
Se tie la neĝon malvarman vi trovos,
Vi ĝin per la spiro varmega ekblovos;
Se estas la stepo, dezerto, malriĉo, —
Vi semos la florojn de l' vera feliĉo;
Se estos mallumo — vi estu radio
De l' suno brilanta, la lumo de l' dio!!
Kaj muta Valmiki profunde ekspiris,
La brakojn etendis, ekĝemis kaj diris:
„Ekloĝu en mi, mia floro amata,
Ekloĝu . . . kaj estu por ĉiam benata!“ . . .

*V. N. Devjatnin.*

## Fonto de la vigla akvo.

En varmega tagmezo tri vojaĝantoj renkontiĝis sur la vojo apud pura malvarma fonto. Densaj sukaj arbetoj etendiĝis super la fonto kaj konservis ĝian freŝecon per siaj ombroj.

La akvo kolektiĝis tie en granda ŝtonvazo, el kie ĝi forkuris kiel helaj travideblaj fluetoj kaj surverŝis surskribon: „Estu simila al tiu ĉi fonto.“ La fluetoj kolektiĝis sur la grandpeca sablo kaj fluis en malgrandan rivereton, ĉiam pli kaj pli malproksimen sur la flora herbejo.

La vojaĝantoj kvietigis sian soifon, legis la surskribon kaj pripensis ĝian sencon.

— „Tio estas bona konsilo,“ diris unu el ili, evidente komercisto. Li havis sakon sur la ŝultro kaj en la larĝa zono montriĝis io envolvita; liaj fortikaj botoj estis kovritaj per dika tavolo da polvo. „La fonto fluas senĉese, ĝi fluas malproksimen, grandiĝas, akceptas akvon el aliaj fontoj, fariĝas granda rivero kaj kvazaŭ diras per sia ekzemplo: estu agema, neniam haltu kaj vi atingos la plenumon de viaj intencoj.“

Alia vojaĝanto, maljunulo kun libro en mano, balancis la kapon kaj diris:

— „Jen estas pli alta senco; tiu ĉi fonto estas preta por ĉiu, ĝi kvietigas la soifon de ĉiu pasanto, ĝi ne postulas dankon, kaj per tio ĝi diras al la homoj: Faru bonon pro amo al bono kaj ne serĉu rekompencon.“

La tria vojaĝanto nenion diris. Li estis belega blonda junulo, kiu unuafoje antaŭ nelonge disiĝis de sia patrino.

La aliaj demandis lin, kion li pensas? Li pripensis iom, ruĝiĝas kaj diris:

— „Al mi la fonto diras ion alian; tiu ĉi senhalta movado, tiu ĉi preteco kvietigi la soifon de ĉiu pasanto ne estus, se la akvo de tiu ĉi fonto estus malklara. Ĝia ĉefa valoro estas ĝia pureco kaj klareco. Nek pri la diligento, nek pri la grandanimeco parolas tiu ĉi surskribo. „Estu simila al tiu ĉi fonto“ signifas: konservu vian animon en tia pureco, por ke en ĝi rebrilu, kiel en tiu ĉi fonto, ĉiuj floroj de l' tero kaj ĉiuj radioj de l' ĉielo.“

*Tradukis Sofio Motard.*

 # Diversaj informoj 

## Komuniko de la Komisio por Ĝenerala Organizaĵo.

La Sepa Universala Kongreso de Esperanto akceptis gravajn proponojn por nia movado, kaj estas utile, ke ĉiu esperantisto estu precize informita pri ĝiaj decidoj. Per la starigo de *Rajtigitaj Delegitoj* por la venontaj kongresoj, laŭ la propono de Dro Zamenhof mem, ĝi donos specialan valoron al la laboroj de tiuj kongresoj, kaj ebligos al ĉiuj esperantistaj grupoj la partoprenon en tiuj laboroj. Per la starigo de *Administra Komitato* por la kondukado de la Centra Oficejo laŭ la proponoj de la *Internacia Konsilantaro*, al kiu la Kvina Kongreso komisiis tiun taskon, ĝi definitive oficialigis tiun oficejon kaj ebligas, ke ĉiuj esperantistaj grupoj partoprenu la subtenadon kaj funkciadon de la dirita Centra Oficejo.

Plue, la Sepa Kongreso starigis specialan komision, kies celo estas studadi kaj raporti dum la Oka Kongreso en Krakovo 1912 pri jenaj demandoj:

1e Ĝenerala organizaĵo por doni firman bazon al la oficialaj institucioj (Komitato de la Kongresoj, Lingva Komitato, Centra Oficejo), kaj por ilin subteni kaj interligi;

2e Unuiĝo de la naciaj Esperantistaj Societoj;

3e Amikaj kaj efikaj rilatoj inter la propagandaj, aplikaj kaj fakaj societoj, kiel ekz. U. E. A.

Tiu Komisio jam kunvenis en Antwerpen; ĝi decidis elekti Subkomision, kiu konsistas el S-roj Dro Mybs, von Frenckell kaj Dro Kandt, por ricevi ĉiujn proponojn pri tiu demando, ilin klasigi kaj raporti pri ili al la Komisio.

Ĉiu esperantista societo, grupo aŭ eĉ ĉiu privata esperantisto, kiu havas proponon aŭ projekton por prezenti pri tiuj ĉi demandoj, estas petata sendi ĝin, kiel eble plej baldaŭ, kaj almenaŭ antaŭ la 1a de Decembro 1911, al la sekretario de la Subkomisio, *Dro M. Kandt, Neuer Markt 8, Bromberg*, Germanujo.

Oni ankaŭ sendu malnovajn projektojn, gazetartikolojn kaj ĉiun uzeblan materialon.

Post esploro de ĉiuj proponoj kaj paperoj, la Subkomisio sendos sian raporton al la tuta Komisio.

Poste, tiu Komisio verkos ĝeneralan projekton publikigotan minimume tri monatojn antaŭ la Oka Kongreso, kaj prezentotan al tiu kongreso.

Ĉiujn dokumentojn pri tiu afero kaj la oficialajn protokolojn de la Sepa Kongreso, kiuj rilatas al ĝi, oni trovos en la No. 4 (37), 25a de Oktobro 1911, de Oficiala Gazeto.

En la nomo de la Komisio:

La Sekretario, *Dro M. Kandt.* — La Prezidanto, *Generalo Sebert.*

## Parolada Vojaĝo de S-ro Privat.

Sinjoro Edmond Privat, nia konata esperanta oratoro, intencas vojaĝadi tra Eŭropo dum tiu ĉi vintro por fari literaturajn paroladojn en Esperanto. Ankaŭ li faros propagandajn paroladojn kun la helpo de lokaj esperantistoj, kiuj ilin tradukos nacilingven.

Por helpi la pagon de l' elspezoj li faros ankaŭ en la franca lingvo literaturajn paroladojn, kiuj pli facile atingus financan sukceson, kaj interesus por la vizito de S-ro Privat la kleran aŭ mondanan parton de la loĝantaro. Se la lokaj esperantistaj grupoj deziras ricevi la helpon de francaj kluboj en sia urbo por la organizo de tiaj paroladoj, ili devas tuj proponi la aferon al tiaj societoj antaŭ ol ĉiuj starigos sian vintran programon. Estus dezirinde, ke la lokaj grupoj profitu la viziton de S-ro Privat por fari kiel eble plej multe da propagando por Esperanto en sia urbo, per ekspozicio, gazetartikoloj, vizito al gravaj firmoj k. t. p.

Jena aŭ simila programo povus esti aranĝota:

*Unua tago.*

Posttagmeze: je la 5a aŭ 6a: franca parolado.
Vespere: esperanta parolado.

*Dua tago.*

Matene kaj posttagmeze: vizitoj k. t. p.
Vespere: propaganda publika parolado.

Ĉiuj lokaj grupoj, kiuj deziras inviti S-ron Privat tuj skribu, por peti pli detalajn informojn, al lia oficejo en: Ĝenevo, 19 Pont s'Arve.

## Grava sciigo.

Kinematografaj fotografaĵoj pri la VIIa Int. Esp. Kongreso.

Dum la VIIa Kongreso la mondkonata firmo Gaumont, fabriko de filmoj kinematografaj, fotografis la diversajn festaranĝojn.

Feliĉe mi sukcesis ricevi ekzempleron de la filmo (longeco ĉirkaŭ 100 metroj), kiu bonege estas farita, kaj kiu montras interalie kelkafoje fotografaĵojn de nia kara Majstro. Malgrandan parton de la filmo oni jam prezentadis en Germanujo en „Gaumont Woche" No. 46, sed la pli granda parto ĝis nun nur estis montrata en Antwerpen.

Mi estas preta pruntedoni la rekomendindan filmon kontraŭ repago de miaj elspezoj al ĉiu samideano, por ke li ĝin povu prezentigi en sia grupo aŭ en la kinematografa teatro de sia urbo.

Tiamaniere ĉiu, kiu ne povis viziti Antwerpen, sen perdo da mono aŭ tempo povas rigardi kaj en spirito travivi la VIIan kongreson.

Samideanoj, kiuj deziras pruntepreni la filmon, afable sin tuj turnu al

*Alfred Schöne*, Hamburg 23, Jungmannstr. 11, Sekretario de Esperanto-Societo „Verda Stelo",
kaj de
„Loka unuiĝo de Hamburg - Altona'aj Esperantista grupoj".

## Subtenu la „Deutsche Warte".

Per la Berlin'a ĉiutaga gazeto „Deutsche Warte" Esperanto faris grandan progreson en Germanujo, kaj la esperantiĝo de tiu ĉi gazeto estas nova epoko por nia movado en Germanujo. La fakto, ke granda ĉiutaga gazeto defendas nian aferon, faris impreson sur multaj dubemuloj. Tre grave ankaŭ estas, ke „Deutsche Warte" alportis Esperanton en ĉiujn rondojn. Ekzemple mi konas ĉi tie kelkajn suboficirojn, kiuj fariĝis fervoraj esperantistoj per „D. W." Ankaŭ mi mem estas gajnita por Esperanto per „D. W.", kaj la junula grupo, kiun mi fondis en mia urbo, ekestis per tiu gazeto.

La legaĵoj, kiujn „D. W." ĉiudimanĉe alportas, estas tre interesaj. Dum oni kutime devas havigi al si multajn librojn, por scii ĉiujn aferojn pri Esperanto, ekz. historio, statistiko, problemo de lingvo internacia, literaturo k. t. p., „D. W." sciigas nun pri ĉio koncernanta la esperantistojn, kaj ĝi raportas rapide pri la plej novaj okazintaĵoj en Esperantujo.

Ni esperu, ke „D. W." disvastiĝos ankaŭ plue. Al tio la esperantistoj nepre devas helpi per abono de tiu rekomendinda gazeto.

*Ascan Lutteroth.*

## Pri senpagaj kursoj.

En la antaŭa numero de G. E. mi legis sub Germana Kroniko pri senpaga kurso en H.; mi certe scias, ke tio okazas publike. Eĉ se la grupo havas sufiĉe da mono por pagi la anoncojn kaj ĉambrojn por la instruado, tio tre malgrandigas la ŝatatecon de nia lingvo kaj malhelpas ties progreson en ĉirkaŭaj lokoj.

Laŭ mia opinio, ĉiu partoprenonto en kurso volonte pagos almenaŭ malgrandan kotizaĵon kaj se ne, li nur forrestu!

Mi nepre estas kontraŭulo de tia agadmaniero! Kompreneble mi ne protestas kontraŭ senpagaj kursoj al lernantoj aŭ aliaj personoj, se la instruo estas privata! Tiaj esceptoj ĉiam okazos kaj espereble ankoraŭ ofte okazu!

*August Schilling,*
prezidanto de „Esperanta grupo",
*Reichenau (Saksujo).*

## Alvoko!

La estimataj samideanoj, en- kaj eksterlandaj, estas petataj demandi specimenojn kaj informojn de la firmoj J. B. Hermann, teksejo kaj R. Buhl, vendejo de kanarioj, ambaŭ en Hirschfelde i. S. Tiuj ĉi firmoj estas skeptikaj al nia movado, sed ili promesis enkonduki Esperanto-korespondadon post ricevo de esperantaj korespondaĵoj.

*Rob. Pfennigwerth, Hirschfelde.*

## Parolado de S-ro Parrish.

En la nuna kaj antaŭa numeroj de G. E. estas multe raportite pri la sukcesplenaj paroladoj, kiujn S-ro Parrish el Los Angeles faris en multaj urboj, kun helpo de la esperantistaj grupoj, pri Kalifornio, la mirlando de Ameriko. Kiel oni scias, S-ro Parrish estas oficiale sendita de la Komerca Ĉambro de sia urbo al Eŭropo, por fari propagandon por Kalifornio. Sed samtempe li ankaŭ faras praktikan propagandon por Esperanto, ĉar li, nur sciante la anglan kaj esperantan lingvojn, en la neanglaj landoj faras siajn paroladojn nur en Esperanto kaj tuj tradukigas ilin per samideano en la koncernan nacian lingvon. Pro tio, kaj pro la belegaj lumbildoj, kiujn li kunhavas, mi rekomendas al la esperantistaj grupoj, interrilati kun S-ro Parrish kaj gajni lin por propaganda vespero. Liaj kondiĉoj estas modestaj, li nur postulas 50 M. (25 Sm.) por unu vespero. Lumbildan aparaton por elektra lumo li kunportas.

Li ankaŭ eldonis programon pri sia lumbilda parolado kun la listo de la 200 koloritaj lumbildoj, kiujn li montras. La 16-paĝa programo kostas po 100 ekz. 5 M. (2½ Sm.), kaj ĝia antaŭlasta paĝo estas libera por laŭvola teksto, liverota de grupoj, kiuj mendas minimume 500 ekz. La enpresado de la teksto okazas senpage.

La konstanta eŭropa adreso de S-ro D. E. Parrish estas ĉe Centra Oficejo de Universala Esperanto-Asocio, Genève (Svisujo), 10, rue de la Bourse.

*Argus.*

## Bearbeitung der Jugendpresse.

Im Einvernehmen mit dem einschlägigen Ressort der G. E. A. hat sich Unterzeichneter bereit erklärt, die Bearbeitung der Jugendzeitschriften und Kalender, bezw. deren Versorgung mit Artikeln über Esperanto in die Hand zu nehmen. Um eine zweckmässige Verteilung der Arbeit zu ermöglichen und einer Zersplitterung der Kräfte vorzubeugen, ersuche ich dringend

1. um Mitteilung über alle bereits erschienenen Artikel dieser Art, womöglich um Zusendung eines Exemplars;
2. um Mitteilung über fruchtlose Versuche, solche Artikel unterzubringen;
3. um Angabe von Zeitschriften usw., die zur Bearbeitung sich empfehlen;
4. um Adressen von samideanoj, die zur Mitarbeit bereit sind.

Mit herzlichem Dank im voraus

*Josef Schmalzl, Handelsschulhauptlehrer,*
Augsburg, Bernauerstr. 41/1.

## Ankaŭ sukceso.

„Die Lese", München, sukcesplena germana literaturgazeto, en propaganda folio respondas la demandon: „Kiu legas kaj laŭdas ‚Die Lese'?" per skribaj pruveroj de jenaj personoj: Paul Heyse, Gerhart Hauptmann, Peter Rosegger, la turismano, la laboristo, la komercisto, la aktoro, la kompostisto . . . . kaj ankaŭ: la esperantisto. Estas publikigite aprobantaj vortoj de la redaktoro de G. E., S-ro F. Ellersiek, kiun mi kore gratulas pro tiu sukceso. Bona perpropaganda propagando! — Al la germanaj samideanoj mi varme rekomendas la gazeton. Ĝi estas malmultekosta, sed tamen ĝi enhavas vere valorajn literaturaĵojn de bonaj aŭtoroj.

*H. B.*

# Societaro.

## Esperanto in der Studentenschaft.

In den letzten Jahren hat Esperanto auch in der Studentenschaft festen Fuss gefasst. Das ist zwar schon viel, aber wiederum doch nicht mehr als ein Anfang. Die langen Ferien, der häufige Wechsel des Studienortes und die immerhin beschränkte Studiendauer erschweren die Organisationstätigkeit sehr.

Um hier Abhilfe zu schaffen, wurde am 1. Oktober in Berlin die „Esperanto-Zentrale für Studierende" (Deutschland) ins Leben gerufen. Diese will einerseits die bestehenden studentischen Esperanto-Vereinigungen, -Abteilungen und -Gruppen (zurzeit in Aachen, Berlin, Charlottenburg, Göttingen, Königsberg, Leipzig, München), anderseits auch die an anderen Universitäten, Hochschulen und Akademien verstreut

lebenden esperantokundigen Studierenden in sich zusammenfassen. und für eine sachgemässe Verbreitung des Esperanto in der Studentenschaft Sorge tragen. So setzt sich die Zentrale zusammen aus ordentlichen (stud. Esp.-Vereinigungen, bezw. Abteilungen, bezw. Gruppen; Semesterbeitrag 2 Mark); ausserordentlichen (Einzelmitgliedern; Semesterbeitrag 0.50 Mark) und unterstützenden Mitgliedern (Semesterbeitrag mindestens 3 Mark).

Zu den Hauptaufgaben der Zentrale gehören: die ständige Bearbeitung einer Statistik und Adressensammlung, die Verbreitung von Flugblättern (Student und Esperanto) und Artikeln über Esperanto in studentischen Zeitungen und Zeitschriften, sowie die Verwaltung der Hauptstelle der „Esperanto-Auskunftei für Studierende" (Berlin NW. 100). Zweimal im Semester gibt sie „Mitteilungen" heraus, in denen sie über den Stand der Esperantobewegung in der Studentenschaft berichtet. Mit der Leitung ist Herr cand. phil. Erh. Vortisch, Nowawes (Berlin), Friedrichstrasse 36, betraut worden, an den auch alle Anmeldungen und Zuschriften zu richten sind.

Die Zentrale stellt so eine ständige Verbindung zwischen den einzelnen Vereinigungen her, und stärkt sie durch diesen Zusammenhalt. Deshalb sollte es sich kein Student nehmen lassen, sich der Zentrale anzuschliessen; für den einzelnen ist es eine geringe Mühe und ein kleines Opfer, und es gilt doch. die Esperantobewegung unter der Studentenschaft zu fördern. Gerade die letzte Zeit hat gezeigt, wie durchaus notwendig ein Zusammenschluss der Studierenden ist; und hoffentlich folgen auch andere Länder dem in Deutschland gegebenen Beispiel, so dass wir recht bald von „Esperanto-Zentralen für Studierende" (Esperanto-centroj por studentoj) in London, New-York, Paris, Rom, Wien usw. reden können.

Was uns Studenten vor allem vorerst nicht not tut. ist eine neue internationale Studentenvereinigung oder eine neue Zeitung; gegen diese Uebertreibung sollte man energischer als bisher vorgehen. Ueberdies gibt es bereits mehrere solcher Vereinigungen (nebst Zeitungen), die aber durch ihr Wirken, oder besser Nichtwirken zeigen, dass sie nicht lebensfähig sind, und an die sich anzuschliessen dringend abzuraten ist.

Für den heutigen Stand genügt vollkommen das Vorhandene: die Esperanto-Welt-Vereinigung (Universala Esperanto-Asocio) und ihre Zeitung „Esperanto". Haben die Zentralen der einzelnen Länder organisatorische und propagandistische Aufgaben zu erfüllen, so soll die internationale Vereinigung rein praktische Werte geben (Beziehungen zu Studierenden anderer Länder auf moralischen, geistigen und materiellen Gebieten). Das bietet die U. E. A. durch die Einrichtung der „Abteilung für Studenten" (Herausgabe von Universitätsführerblättern, universitataj gvidfolioj) im vollsten Umfang. Sollte sich diese Abteilung für Studenten zu einer Fachorganisation Studierender innerhalb der U. E. A. entwickeln, so wäre das sehr zu begrüssen. Aber schon jetzt sollte neben dem Delegierten in jeder Universitäts- und Hochschulstadt auch ein „konsulo por studentoj" zu finden sein. Gerade die U. E. A. bietet für den Studenten so viele Vorteile, dass man durch sie viel leichter jemand für Esperanto gewinnen kann, als durch schöne Worte und Vertröstungen auf die Zukunft.

Wenn wir auf diesem Wege Schritt für Schritt vorgehen, die „Esperanto-Zentralen für Studierende" in den einzelnen Ländern organisatorische und propagandistische Aufgaben erfüllend und die U. E. A. mit ihren „konsuloj por studentoj" praktische Zwecke verfolgend, werden wir auch weiterkommen und grössere Kreise der studierenden Jugend, die doch ein so wichtiger Faktor in unserer Bewegung ist, für Esperanto gewinnen. *Evau.*

## Deutsche Post- und Telegraphenbeamten-Vereinigung für Esperanto.

Der Unterzeichnete bittet alle Gruppen, Verbände usw., sowie auch einzelstehende Esperantisten, ihm Namen und Adresse von Postbeamten mitzuteilen, die bereits Esperantisten sind oder für unsere Sache Interesse haben. — Im Auftrage der Vereinigung ist ein autographiertes Werbeblatt herausgegeben, das die Frage behandelt: „Welches Interesse hat der deutsche Postbeamte an der Esperanto-Bewegung?"

Alle, die mit Postbeamtenkreisen Fühlung haben, dort Vorträge halten wollen usw., werden gebeten, sich mit dem Unterzeichneten in Verbindung zu setzen. Vortragsmaterial usw. wird kostenfrei zur Verfügung gestellt. — Auskunft erteilt

Der Vorsitzende
*Arnold Behrendt*, Oberpostpraktikant,
Breslau 16, Maxstr. 22.

# Bibliografio.

*Ĉiuj libroj markitaj per steleto estas riceveblaj per:*
*(alle mit Sternchen versehenen Bücher sind erhältlich durch:)*
*Esperanto Verlag Möller & Borel, Berlin SW. 68, Lindenstrasse 18/19.*

**Albrecht Dürer.** Lia vivo kaj elekto el liaj verkoj. Kun klarigoj de la apartaj folioj. — Je komisio de la „Instruista unuiĝo por artedukado, Nürnberg", eldonita de Dro Friedrich Nüchter, esperantigita de la G. E. A. Prezo 4,— M., elegante bindita 5,— M.

Kiu ne konas la nomon Dürer?! Certe ĉiu. La nomon. Sed ĉu lia arto estas same konata? En Germanujo eble jes, sed ekster la limoj de lia patrujo, krom la specialaj artkonantoj, nur malmulte da personoj konas liajn verkojn. Kiel eble, oni demandos; arto estas ja la internacia lingvo de ĉiam ekzistanta; ĝi estas senpere komprenebla de ĉiuj. Eraro. Oni rigardas bildon, desegnaĵon, gravuron, oni opinias ĝin bela aŭ ne, kaj finite; ĉu tio estas artkompreno? Kompreneble estas esceptaj homoj, kiuj efektive kapablas enprofundiĝi en la verkon, egale ĉu ĝi estas novmoda, eĉ secesia, aŭ ĉu ĝi apartenas al mezepoka aŭ antikva skolo. Ĝuste tiuj personoj estas, kiuj devas komentarii al la aliaj amatoroj la arton; tiel ĉiu povas ne nur vidi, sed ankaŭ rigardi, ne nur rigardi, sed ankaŭ kompreni tiun aŭ alian artiston. Jen la bezono de lingvo por vera interpreto de la arto. Kaj ĉar la arto estas nepre internacia, ĝi same nepre bezonas lingvon internacian.

Tio estis ankaŭ la opinio de la eldonisto, kiam li faris la aplaŭdindan kaj ankaŭ imitindan decidon, eldoni tiun ĉi belegan verkon kun internacia teksto. La esperanta traduko estas farita kaj korektita de kelkaj eminentaj membroj de G. E. A. sub gvidado de S-ro Dro Kandt kaj S-ino M. Hankel, kaj fine la teksto estas trarigardita de S-ro Grabowski. Do oni povas supozi bonan kaj internacian stilon, kaj oni trovas ĝin, tralegante la verkon.

Pri la granda valoro de la verkoj de Dürer mi ne bezonas insisti ĉi tie en Germanujo; mi nur povas konstati, ke la libro estas tute inda al la majstro. 54 belegaj reproduktaĵoj, interesa teksto el kompetenta plumo, arta papero kaj preso igas ĉi tiun ĉefverkon de l' arto ankaŭ ĉefverko de ĉiu biblioteko de la artamanto. Per kiel eble multa aĉeto ni montru al la eldonejo, kiom prava ĝi estis, eldonante tiun epokfarantan verkon, kaj kiom ĝi ankaŭ helpas per tio la disvastigon de germana arto kaj spirito.

*Lr. (I. U. V. E.)*

*

***Plena Verkaro de V. N. Devjatnin.** Libro kvara; kun la portreto de l' aŭtoro. Eldono de M. S. Tenner, Kovno. Prezo 1,70 M.

Malnova aŭtoro, kies poemojn ni jam konas el la Fundamenta Krestomatio kaj aliaj eldonaĵoj, prezentas al ni novan, tre interesan volumon. Ĝi enhavas tri partojn. En la unua ni trovas tre belajn poemojn, tradukitajn kaj originalajn. Inter la originaloj sin distingas du fabloj: „La Vosteto" kaj „La Meleagro." Ili estas rimarkinde spritaj kaj bonaj. Multaj el la liraj versaĵoj similas al dolĉa muziko, ili flatas la orelon kaj emocias la koron; ne eble estas citi unu kiel la plej belan. La rakonta versaĵo „Velga" estas norda legendo. Ĝi raportas al ni kortuŝan epizodon pri sin oferanta amatino, kiu per sorĉado estas transformata je mevo:

Ŝi sopiras, ŝi suferas
Kaj per ŝia ploro-krio
Kvazaŭ plendas ŝi al Dio.

Vera poezia majstroverko! — La dua parto konsistas el bonega traduko de 10 fabloj de Krilov. Escepte unu: „La ranoj, dezirantaj reĝon", ili estas originalaj. Ankaŭ ili estas spritaj kaj instruaj, ni estu tre dankaj pro la traduko. La tria parto estas komedio, efektiva, triakta komedio! La temo estas tre amuza. En honesta, brava familio granda konfuzo estas kaŭzita de tre juna fraŭlineto. Tiu ĉi naiva koketulino implikas ĉiujn membrojn en amaferojn, vera dramo minacas, sed ĉio solviĝas ŝerce kaj komike. — La riĉhava volumo, kiu sentigas noblan entuziasmon por nia lingvo, estas leginda kaj posedinda verko.

*M. H. (I. U. E. V.)*)*

*

***La Konfeso.** De L. N. Tolstoj. Traduko de M. S. Tenner, redaktita de V. N. Devjatnin. Eldono de M. S. Tenner, Kovno. Prezo 1,15 M.

Devjatnin kaj Tenner, du nomoj, kiuj garantias bonegan verkon. Kiu legis la antaŭparolon de Libro Kvara, tiu scias, ke V. N. Devjatnin kun plej granda altestimo parolas pri sia talenta lernantino Mario Tenner. Kaj vere, mirinde bela estas la stilo de tiu ĉi traduko. La originalo, kiu traktas la plej seriozajn demandojn, certe ne estas simpla kaj facila, la meditoj estas sagacaj, la frazoj ofte tre longaj. Sed Mario Tenner sciis eviti la malfacilaĵojn, ŝi prezentas al ni la faman „Konfeson" en nia klara, diafana, logika lingvo. Ni ja ĉiuj, krom la rusoj, ne povas legi la originalon, ni kredu nian amikon Devjatnin, kiu nin certigas, ke la traduko estas laŭvorte kaj efektive povas plene anstataŭi la originalon. La verko estas pure fundamenta, ŝajne la radikvortoj plene sufiĉis. Kelkafoje oni renkontas kuraĝan novan formon, ekz. siulo, malkonfesi *(ĉu nova? Red.)*, alilandujo. Certe, ankaŭ ĉi tiu libro estas vera pliriĉigado de nia esperanta biblioteko.

*M. H. (I. U. E. V.)*

*) Kiel oni scias, en Antwerpen, dum la Sepa, fondiĝis Internacia Unuiĝo de Verkistoj Esperantistaj (vidu G. E. 10, p. 198). La membroj de tiu ĉi bonvenanta por redaktoroj unuiĝo interalie sin ankaŭ okupas pri recenzado de verkoj. Laŭ la propono de S-ino Hankel, la patrino de la unuiĝo, ni de nun montros per la enkrampigitaj literoj la apartenecon de la koncernaj recenzantoj al la verkista unuiĝo. *Red.*

*

**Taschenkalender für die studierende Jugend, 1912.** Verlag von Ludwig Auer in Donauwörth. Preis gebd. 0,60 M.

Das praktisch eingerichtete Büchlein mit seinem interessanten Inhalt bringt auch diesmal wieder einen mehrere Seiten umfassenden Artikel über Esperanto, verfasst von unserem verdienstvollen Samideano Hauptlehrer Schmalzl in Augsburg, dem sich Textproben aus Poesie und Prosa anschliessen. Jeder Esperantist sollte sich bemühen, dem recht preiswerten Taschenbuch, das unserer Sache schon viele Freunde gewonnen hat, möglichste Verbreitung zu verschaffen. *K.*

*

**Fotografaĵo de la Sepa Kongreso** en Antwerpen. 24×30 cm. Havebla ĉe Eldonejo Esperanto, Leipzig, Augustenstr. 17 p. r. Prezo 1 ekz. 1 Sm., 10 ekz. 7 Sm., 20 ekz. 10 Sm.

La bone farita fotografaĵo prezentas al ni grandan parton (bedaŭrinde ne la tutan) de la kongresanaro, kolektiĝintan sur la granda korto de la Reĝa Ateneo. Por la kunfotografiĝintoj la bildo certe estas ŝatinda memoraĵo, tiom pli, ke preskaŭ ĉiuj vizaĝoj estas sufiĉe bone ekkoneblaj. *Lorotiel (I. U. E. V.)*

## Muzikaĵoj.

***Esperantista Kantaro;** 17 liedoj originalaj aŭ esperantigitaj. Aranĝita de Karl Jost, Zürich. Universala Esperantia Librejo, Genève. Prezo 0,90 M.

En oportuna poŝformato tiu ĉi libreto prezentiĝas kiel dua eldono, iom pli enhava ol la unua, kaj ĝiaj tekstoj estas korektitaj. Tion oni tuj rimarkas, vidante la vorton „liedo". La verkinto diras en la antaŭparolo, ke tiu ĉi vorto estas proponita de Barono de Ménil, kiu ja estas konata kiel kompetentulo pri muzikaĵoj. Sed tamen mi devas protesti kontraŭ la vorto, ĉar ĝi tute ne estas bezona kaj ne bone elektita. S-ro Jost, kiel germanlingvulo, ja scias, ke la germana vorto „Lied" estas prononcata „lid" kaj ne „li-e-d" kiel la esperanta vorto. Pro kio li tamen uzis la malbonan esperantan vorton? Kaj plue, kial li enmetis en la kantareton nur la novan himnon „Espero", komponitan de „Samideanino", kaj ne la malnovan, plene taŭgan komponaĵon Ménil'an? La aliaj kantoj estas bone elektitaj. Tre plaĉas al mi la novaj tradukoj de „Rozo erikeja" kaj de „Lorelej", faritaj de la verkinto mem. — La notoj estas aranĝitaj por kvarvoĉa kantado, sed ili estas ankaŭ uzeblaj por fortepiano. *F. Ellersiek (I. U. E. V.)*

*

**Alvoko.** Esperantaj vortoj de G. J. Cox. Anglaj vortoj de S. G. Holderness. Muziko de Oscar T. Fenner. Aĉetebla ĉe Pionira Librejo Esperanta, 135, Sellincourt Road, London S.W. Prezo 1 ekz. 0,120 Sm., 12 ekz. 1,250 Sm., afrankite.

*

**Saluto al Belgujo.** Poezio de H. Menalda; muziko de F. de Ménil. Eldonejo „Espero", Prinsestraat 48, Haag (Nederlando). Prezo 0,400 Sm.

# Oficialaj sciigoj de la Germana Esperanto-Asocio (G. E. A.)

**Deutscher Esperanto-Bund (Eingetr. Verein) Geschäftsstelle: Bromberg, Neuer Markt 8.**

## Betrifft Weltsprachamt.

Der in Bern gegründete Verband für die Schaffung eines Weltsprachamts hat an eine grosse Anzahl Esperantisten Einladungen zum Beitritt versandt, und wir sind von vielen Seiten gefragt worden, wie sich die Esperantisten zu dieser Einladung verhalten sollen. Unsere Antwort lautet: dass wir dringend abraten, dem genannten Verbande beizutreten. Die wichtigsten Aemter desselben befinden sich in idistischen Händen. Anregungen von privater Seite, auch die Vertreter anderer Projekte, z. B. die Professoren Peano in Turin, Hartl in Linz usw. in den Vorstand zu wählen, sind unbeachtet geblieben. Das ganze Statut ist so abgefasst (man beachte z. B. die Erschwerungen der Abänderung des Statuts und das Verfahren der Vorstandswahl!), dass der jetzige Vorstand unumschränkte Macht hat. Solange daher der Verband für die Schaffung eines Weltsprachamts nicht durch Ausscheiden der idistischen Vorstandsmitglieder aus den leitenden Stellen den Beweis für seine Unparteilichkeit erbringt, müssen wir vor dem Beitritt warnen. Auch erscheint es uns viel richtiger, den Jahresbeitrag von 10 Frcs. (bezeichnenderweise zahlen die Schweizer nur 5 Frcs.) dem auf dem Antwerpener Kongress geschaffenen Verein der Freunde des Esperanto zuzuwenden. Ueber die Gründung dieses Vereins wird ja in kurzem Näheres veröffentlicht werden. Zurzeit können wir den Verband zur Schaffung eines Weltsprachamts nur für eine Neuauflage der Delegation ansehen.

*Der Vorstand.*
*Dr. Mybs. Dr. Möbusz. Dr. Kandt.*

## Werbung neuer Anhänger der Esperantosache!

Die Esperanto-Societo „Zamenhof" in Görlitz, Vorsitzender Herr F. Mally, hat mit ausserordentlichem Erfolge ein System der Werbung neuer Mitglieder angewandt, das zur Nachahmung empfohlen werden kann. Die Gruppe hat nämlich zwei Werbungspreise verteilt. Den 1. Preis (ein Esperanto-Wörterbuch, Preis 4 Mark) sollte das Mitglied erhalten, das die meisten neuen Mitglieder, mindestens 5, bis zum Beginn des Kursus geworben hatte. Den zweiten Preis (ein Esperanto-Wörterbuch, Preis 2 Mark) sollte das Mitglied erhalten, das mindestens 3 neue Mitglieder geworben hatte. Bei gleicher Zahl entscheidet das Los. Die Preise sind fällig, wenn die Beiträge der geworbenen Mitglieder bezahlt worden sind. Es haben nun den 1. Preis erhalten Herr Baugewerksschüler H. Hübner mit 5 Anhängern; den 2. Preis Herr Buchhalter Kleye mit 4 Anhängern. An dem Wettbewerb hatten sich 98 Mitglieder beteiligt und im ganzen 92 neue Mitglieder geworben. Dadurch ist also die Zahl der Mitglieder der Gruppe nicht nur erheblich vergrössert worden, sondern ihre Finanzen um etwa 360 Mark aufgebessert worden. Da sich das Prämiensystem auf allen Gebieten stets gut bewährt hat, so sei es zur Nachahmung empfohlen.

*Der Vorstand.*

## Esperantaj Ekzamenoj de G. E. A.

Plenumis sukcese:

La **Specialan Ekzamenon** (por akiro de l' „Atesto pri Instrua Kapableco"):

Sinjoro W. Fricke, Bremen.

La **Superan Ekzamenon** (por akiro de l' „Atesto pri Lingva Kapableco"):

Fraŭlino S. Freese, Lübeck. — Sinjoroj B. Böning, Bremen; Paul Günzel, Bremen; Dro Richard Ledermann, Augsburg; Carl Renken, Bremen; A. Roscher, Lübeck; Otto Sandrock, Cassel; Heinrich Selmer, Lübeck; Herm. Wichers, Lübeck.

La estraro de G. E. A.:
*Dr. Mybs. Dr. Möbusz.*
*Dr. Kandt.*

Ekzamena Komitato de G. E. A.:
*La sekretario:*
*Felix Epstein, Hamburg.*

## Mustersatzung für kaufmännische Esperantogruppen.

Die unserem Bunde angeschlossene Kaufmännische Esperantogruppe Lübeck hat eine Satzung aufgestellt, die als mustergültig bezeichnet werden muss.

Es sind Abzüge hergestellt worden, die denjenigen Esperantisten gern zur Verfügung gestellt werden, die an ihrem Platze ebenfalls eine solche kaufmännische Gruppe zu gründen beabsichtigen.

*Die Geschäftsstelle.*

## 100 000 Mark-Fonds.

Zehnte Liste der eingegangenen Bausteine

O. Rieck, Breslau, 1; Walther Fiedler, Leipzig, 2; Oberleutnant Ad. Buchleitner, Jaromer, 1; Friedrich Adler, Königsberg i. Pr., 2.

Zusammen 1104½ Bausteine = **11 045,— M.**

Ausserdem Serie II: 310,— M. bedingte Zeichnungen.

## Zamenhoffonds.

| | |
|---|---|
| Esperantogruppe Elberfeld (Sammlung) . | 10,— M. |
| Vergl. G. E. 8/9, S. 188 . . . . . . | 3169,76 „ |
| | 3179,76 M. |